# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 18/10/2013 Cent tridekkvina Eldono SENDITA 19/10/2013 (unua eldono 26/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**

**SENDATA AL 260**

La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

## EL ĈINIO 中国武汉 **Roĝer vizitas Ĉinion ĝis 27a Novembro 2013**

En Ĉinio mi ne sukcesis aŭskulti la retradion. En Aŭstralio vi ĝoje kapablas aŭskulti.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 12a Oktobro 2013



Diversaj sonbildoj kiujn beboj aŭdas dum la lastaj tri monatoj antaŭ la naskiĝo engravuriĝas tiel bone ke ili estas rekonataj post la naskiĝo.

Kiam gravedulinoj estas je aŭda distanco, rekomendindas bridi sian langon: Ankaŭ embrioj havas orelojn kaj tiujn ili ankaŭ aktivigas, almenaŭ proksime al la fino de la gravedeco. Ke ili faras tion, tion oni scias el eksperimentoj kun bestoj - birdoj jam alkutimiĝe lernas la kantojn de la samspeciuloj, ratoj estas kutimigeblaj jam en la utero -, ankaŭ ĉe la homoj estas multaj indikoj tiurilate.

Tiel la unua krio per kiu la novnaskito salutas la mondon sekvas la melodion de la lingvo de la patrino resp. de la lando en kiu la bebo kreskis en utero. Kaj se infanoj de anglalingvaj patrinoj aŭdas post la naskiĝo svedajn vortojn, tiam tiuj vortoj vekas ilian atenton pli forte ol anglaj vortoj. Tion montris eksperimento en kiu porbebaj suĉboteletoj estis ekipitaj per sonbendo kaj mezurilo: Kiam eksonis la fremda lingvo, la beboj suĉis pli avide. ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl+alklaku la bluajn lokon)

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj kaj via Esperantista familio ĝojos.




# Propaganda sekcio






**SBS2 ĉe Sidnejo** proponas rakonti pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

Jeannette Francis (REPORTER/PRODUCER – The Feed SBS2) Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.




AE atendas ĝisdatan informon. Eble post du semajnoj (informis Jeannette per Nicole al AE)

# LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena




## ALEKSO SERĈAS KORESPONDAMIKOJN

Mi estas el Kubo kaj mi petis korespondamikojn al mia amiko el Aŭstralio, li estas ĉefredaktoro de la revuo ESK, li vidis anoncon de brazilano dirante, ke vi volus interŝanĝi per retpoŝto kun geesperantistoj tra la mondo, mi volas interŝanĝi kun multaj aŭstralianoj, mi ŝategas vian kulturon kaj mi volas scii pli pri via lando.
Tio estas interesa por vi. Mi atendos vian respondon
El kubo
Alekso Alexander Martinez Aguero <alexander@embergrm.alinet.cu>

## "TAMEN PLU" elsendita vendredon la 11an de oktobro

Dankon Cathy! Via klubo multe aktivas :) Ĉion la plej bonan, Vera Payne



## oktobra kluba kunveno de adelajdanoj

La ĉefa programero de la oktobra kluba kunveno de adelajdanoj estis la prezentaĵo de Indrani pri ŝia vojaĝo al Svalbar-insularo. La 7-taga aventuro estis fotita kaj bele prezentita tago post tago. Ni vidis bildojn pri polusaj ursoj, polusaj vulpoj, rosmaroj, belaj glaĉeroj, akvofaloj, birdoj... Estis ĝuinda prezentaĵo. Verŝajne ĉiu el ni iom enviis Indrani sperti kaj vidi tiom interesajn aferojn nur 10 gradojn sude de la Norda Poluso. Amike, Katja



Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

# Esperanto: La Filmo




La de jam longe atendita filmo ***ESPERANTO*** produktita de la **Eldon-Fako Kooperativa de SAT** ĵus aperis sur 22 lingva DVD kaj estas disponebla ĉe **Vinilkosmo**.

Ĉi tiu filmo, de la reĝisoro **Dominique Gautier**, proponas vojaĝon tra la mondo , renkonte al la historio de la lingvo **Esperanto**, al ĝia strukturo kaj al ĝiaj hodiaŭaj parolantoj.

Kaptitaj en la divereco de siaj aktivaĵoj kaj vidpunktoj, la vortoj de tiuj lingvouzantoj interpleksiĝas rivelante pecon post peco kiel konkretiĝas ĉiutage la utopio de ties iniciatinto, Ludoviko Zamenhof.

**Mendu la DVD-on ĉi tie** http://www.vinilkosmo.com/?disc=vkdvd02&lng=e

Por strikte privata uzo : 15,05 € SI* + sendokostoj
Por publika uzado (projekcioj) : 34,28 € SI* + sendokostoj

Ĉu la federacio aĉetu unu ekzempleron?
Amike, Nicole Mi subtenas tiun proponon Roger S

Mi opinias ke verŝajne estas bona ideo aĉeti la DVD-on por la federacio. Bedaŭrinde, en la antaŭvida versio (sur la retejo) oni aŭdas muzikon super ĉio (kaj iam ridadon), sed ne homojn parolantajn. Tial, estas malfacile decidi ĉu la filmo estas vere aĉetinda.
Amike, Jonathan

# ESPERANTO kaj U.N.

Kara Amiko de Esperanto kaj UN,



Dank' al nia laborgrupo ĉe Unuiĝintaj Nacioj en Novjorko, la mesaĝo de Esperanto atingas la plej altajn nivelojn de



UN. Nia okpersona laborgrupo en Novjorko tenas kontakton kun la stabo de UN, kun ambasadoroj kaj diplomatoj, kaj kun neregistaraj organizaĵoj. Samtempe ni ankaŭ faras nian eblon informi la esperantistojn, pere de la asocio

Esperanto por UN, pri la gravega laboro de UN por krei pli bonan kaj pli justan mondon. Ni kredas, ke nia laboro rekte kontribuas al paco kaj al kompreniĝo tutmondaj.

Sed la laboro postulas elspezojn. Ni devas pagi malgrandan, sed regulan, lupagon por nia oficeja spaco en konstruaĵo tuj apud la ĉefa UN-sidejo. Aldoniĝas telefonaj kaj komputilaj kostoj. Entute, temas pri kelkaj miloj da dolaroj jare. Helpis nin en pasinteco kelkaj grandaj donacoj, inter ili subteno de eksteraj fondaĵoj.

Sed gravegas, ke ni ricevu donacojn ankaŭ de ordinaraj esperantistoj. Se ni ne povas montri, ke ni havas larĝan subtenon de la esperantistaro ĝenerale, ne eblas konvinki grandajn donacantojn daŭrigi sian subtenon – kaj malfacilas konvinki niajn volontulojn dediĉi siajn tempon kaj energion senpage al nia komuna laboro. Ni do urĝe bezonas vian subtenon moralan kaj materian. Montru, ke vi staras kun ni en tiu ĉi laboro!

Bonvolu sendi al ni vian financan kontribuon por helpi, ke la oficejo en Novjorko restu malferma kaj plivastigu sian agadon. Montru la vojon al aliaj per via kontribuo. Dankon!

La plej facila maniero sendi iun ajn sumon estas ĝiro al nia UEA-konto "novj-w".

Kore,

Humphrey Tonkin, Ulrich Becker, Neil Blonstein, Ria Boemi, Steven Brewer, Jan Long, Ksenia Prilepskaja, Sofiya Soskina

---

EFNSK donis $829.51 al tiu projekto 14/10/2011 Nun verŝajne estas oportuno ree doni?

---

# la Arkta Circlo



-En Julio ankaŭ mi ĉeestis la UK en Islando.

Sed antaŭ tio mi faris unikan ferion en Svalbard ene de la Arkta Circlo, fakte mi estis je 80 gradoj, do nur 10 gradoj sub la Norda Poluso.

Kial mi feriis tie en ege malvarma klimato? Por vidi la

Polusan Urson kaj aliajn interesajn animalojn/birdojn. Ankaŭ por vidi la nekredeble glacibaron/glaciamason, antaŭ ol la tuta Norda Poluso fordegelos pro varmiĝo de la klimato.
Kelkaj personoj argumentas ke la malapero de la glacio estos bone por la popolo/ekonomio de kelkaj nordaj landoj (inkluzive de Islando -tion mi lernis dum la UK). Sed por kelkaj animaloj, precipe la Polusaj Ursoj, tio estos vera katastrofo!
Ni vere devas fari nian eblon tiel ke la degelo de la norda poluso haltu!

Nia ekskurso estis sufiĉe bonŝanca ke ni povis vidi multon, ĉar tute dependas de la vetero, kaj ankaŭ kie la animaloj troviĝas. Jen klarigoj



de la fotoj:
1) Tiu-ĉi glaciamaso estas 170 km longe kaj proksimume 180m 'alta' (do 30m super la akvo kaj 150m sub)



2)  aro da Rosmaroj kiujn ni vidis en la maro (dum ni mem ankaŭ estis en 'Zodiak' boato en la maro) Mi frostis sed samtempe estis ege ekscitite vidi ilin el tiom proksima distanco



3) Polusa Urso kiu alproksimiĝis al nia ŝipo nur 5m for! Ĝi moviĝis tra la maraj flosoj kaj estis je noktomezo kiam ni vidis ĝin!

INDRANI

# Gasto de Esperanto-Domo komentis

Emerson Werneck happax@superig.com.br skribis dank-artikolon pri sia vizito:

08.10.13
Mi kaj mia edzino Lu ege kaj kore dankas pro la oportuno gastiĝi ĉe la Esperanta domo!
Ni trovis ĝin vere facile, veninte de la Redferna stacidomo. La ŝlosilsistemo estas simpla kaj efika! Mi volas eki similan sistemon en Brazilo, se eblos.
Ni sentis kiel ni estus en nia propra hejmo. Ni devis purigi la ĉambron kaj la banejon, sed tio ne estis problemo, kaj ni aĉetis pli da papero kaj purigilon por la domo, kion ni ankaŭ sugestas al venontaj gastoj.
Ni telefonis al Dmitry, kiu aranĝis tre agrablan ekskurson al multaj belaj pejzaĝoj de Sydney, aŭtomobile, post kiam li montris al ni la sidejon de EFNSK.
Ni vizitis la urbocentron kaj aĉetis bonan fotilon ĉe JB-Hifi vendejo kiun ni ege rekomendas, pro la bonaj prezoj kaj servo. Ni ankaŭ iris al la Sidneja Universitato, manĝinte en Ella Cafe, kiel Bruno sugestis. Ni ankaŭ aĉetis poŝtelefonon kaj SIM-karton de Amaysim, sed ni ĝin ne rekomendas. Ŝajne, Telstra funkcias pli bone.

09.10.13
Ni iris al la haveno, la Opera Domo,The Rocks, Botanika Ĝardeno, kaj poste vojaĝis per pramŝipo al Manly, kie ni trovis bonegajn kaj malmultekostajn memoraĵojn de Aŭstralio por donaci al gefamilianoj.
Ni trairis "The Corso"-n, kaj iris al la surfista plaĝo ĉe la fino, kie ni tagmanĝis kaj gustumis bonegajn Aŭstraliajn vinojn.
Por la matenmanĝo, ni iris al tre bona vegana kafejo, nomata Veg-Out, en la alia flanko de de Abercrombie St. Ili havas bonan prezon kaj la servantoj estas tre ĝentilaj. Kaj ili havas senpagan Wi-fi

10.10.13
Hodiaŭ ni iris al la Zooparko en pramŝipo. Kaj poste ni iris al la butikaro Westfield en Bondi Junction, kie ni aĉetis bonegan komputilon, denove ĉe Jb-Hifi. Ni ankaŭ iris al Bondi Plaĝo, por bierumi, kaj ĝui la pejzaĝon.
Ni ankoraŭ ne gustumis la famajn dolĉaĵojn de Aŭstralio, sed planas tion fari, kiam ni revenos al Sidnejo, je la 1a de Novembro. Eble ni rajtos esti gastoj denove ĉe E-domo. Se jes,bonege! Se ne, ni almenaŭ havos bonegajn memorojn de ĉi tiu loko! Ni rekomendas al Brazilanoj fari la samon por eksterlandanoj Esperantistoj, sed por la momento, ni ofertas nian propran domon, en la koro de Brazilo, en la ĉefurbo Braziljo.

Dankon denove por la oportuno, kaj por fari nian vojaĝon neforgesebla!

Kiam ni revenos, ni planas iri al Kissing Point kaj al la Blua Montaro, kaj al la "Aquarium"
Hodiaŭ mi acetis KD-jn de Aŭstraliaj bandoj -- Men at Work, Temper Trap kaj Boy and Bear. Tre bone aŭskulti ilin en la ĉambro dum la nokto, uzante la Kd-ludilon sur la tablo.

# Universitata filmita kurso pri astronomio kaj astrofiziko

Universitata filmita kurso: "Enkonduko al astronomio kaj astrofiziko" - en Esperanto!

En la pasinta jaro Amri Wandel, profesoro pri astronomio en Universitato de Jerusalemo, faris Esperant-lingvan prelegserion en kadro de la "Pekina Esperanta Astronomia Kurso-2012".




En la studio de la Ĉina Radio kaj Televido estis faritaj 12 prelegoj, ilia daŭro estis sume ĉirkaŭ 40 studhoroj, kaj pri ili estis faritaj filmaj registraĵoj, kiuj ekde nun estas libere spekteblaj en interreto (post la komenca 10-sekunda ĉina reklamo).

Tiu videa kurso estas modelo-dona ne nur pro tio, ĉar la interesan astronomian fakan enhavon povas utiligi studentoj ie ajn en la mondo - sed ankaŭ pro tio ĉar ĝi montras unu eblan vojon por reala kaj faka aplikado de Esperanto. Gratulon kaj dankon al la organizantoj pro la realigo, kaj ankaŭ al Amri Wandel pro la prelegoj!

Espereble ni baldaŭ havos plurajn tiajn kursojn en kadroj ankaŭ de AIS - aŭ de ISAE...

Urloj (www-adresoj) de ĉiuj 12 partoj de la filmo estas troveblaj en la priastronomiaj paĝoj de Scienca kaj Teknika Esperanto-Biblioteko, STEB: http://www.eventoj.hu/steb/astronomio/index-astronomio.htm

Szilvási László

# Nova estraro en la Akademio de Esperanto

**Christer Kiselman** – nova prezidanto de la Akademio de Esperanto

**Profesoro Christer Kiselman** [prononcu: Ĉiselman] el la Matematika instituto de la Upsala Universitato (Svedio) estas elektita kiel la nova prezidanto de la Akademio de Esperanto (AdE) rezulte de la

voĉdonado de 37 akademianoj.
**Christer Kiselman** ekde 1989 estas membro de AdE; lastatempe li oficis en AdE kiel direktoro de la sekcio pri faka lingvo kaj membro en la sekcioj pri gramatiko, pri la ĝenerala vortaro kaj pri prononco.

La nova estraro de AdE estas kvarpersona:
Christer Kiselman, prezidanto. Probal Dasgupta, vicprezidanto.
Brian Moon, vicprezidanto. Renato Corsetti, sekretario.

Kiel direktoroj estis elektitaj:
Sergio Pokrovskij, Faka Lingvo. Bertilo Wennergren, Gramatiko
Markos Kramer, Ĝenerala Vortaro. Anna Lowenstein, Kontrolado de lerniloj
Alexander Shlafer, Lingva Konsultejo. Paul Gubbins, Literaturo
Probal Dasgupta, Prononco. Carlo Minnaja, Komisiono Historio de AdE
Nguyen Xuan Thu, Komisiono pri homaj nomoj

Pli detala artikolo estas legebla en la novaĵretejo La Balta Ondo:
http://sezonoj.ru/2013/10/kiselman/



# Esperanto-Domo Sidnejo Datoj ŝanĝiĝis

Ni kunvenos la unuan dimanĉon je la 2 venontaj monatoj 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

## Venu dimanĉon la 3an de Novembro kaj la 1an de Decembro 2013

## Vortoj de "Lernu"

ASTRO
Natura ĉiela korpo, ekzemple, stelo, kometo, planedo:
Li naskiĝis sub favora astro.
Astra lumo heligis la tutan ĉielon.
Multaj homoj kredas je prognozoj de astrologoj.
Astrologio estas arto priskribi la karakteron de homo kaj doni informojn pri ties ebla estonteco laŭ la aranĝo de la astroj en la momento de ties naskiĝo.